# Aŭstraliaj  Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Vera Payne**



**PLENUMITA 17/08/2017 Tricent-tridek-kvina eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*Google Translate* *Plena Ilustrita Vortaro* *Esperanta Retradio*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **975,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **185,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,160,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**

# La gramatikaj (lingvaj) kategorioj. F.



La verbo indikas agon. La ago ĉiam faratas de gramatika Subjekto esprimata aŭ ne. Ekz. "La infano dormas", kaj "Estas varme ĉi tie". Ago estas plej ofte perceptebla, sed ekzistas agoj kiujn oni ne facile aŭ sen specialaj iloj tute ne perceptas. Ekzemple por resti en loko, "La aŭtomobilo restas en la restadejo (*carpark*)", la molekuloj devas zorgi, ke la aŭtomobilo ne ŝanĝiĝu en formo aŭ en materialo. Same ĉe "Mi estas laca" en kiu miaj molekuloj agas por teni min laca, kaj same en "Ŝi dormas"; kaj en "Li falis" kie oni povus vidi la agon nur en malrapidigita filmo. Do ĉiuj verboj reprezentas agon, eĉ nepercepteblan, kaj en Esperanto tial ne utilas klasigi ilin en du specojn, agajn kaj neagajn verbojn, ĉar ĉiuj obeas la samajn gramatikajn regulojn.

Tamen ekzistas necesa divido alia, nome en transitivajn kaj netransitivajn, kvankam Zamenhof pri ĉi tio tendencis permesi ke ĉiuj verboj povu havi gramatikan Objekton, do povu esti transitivaj. La Esperantistoj ĝenerale malsamopinias, kaj ĉar tia drasta ŝanĝo kaŭzus ŝanĝon de aliaj gramatikaj kutimoj, mi konsilas reteni la menciitan dividon. Do pri ĉiu verbo ni devas lerni, en kiu grupo ĝi estas.

Nur estas verbo vorto kiu finiĝas per unu el la finaĵoj –as, -is, -os, -us, -u, kaj –i, kvankam ankaŭ la radiko povas esti verbo, sed ne uzebla sola. La radikoj de ĉiuj vortoj ja aŭtomate apartenas al unu el la sep kategorioj. (daŭigota) *Marcel Leereveld.*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

## Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.



## Bona rakonto kaj bona Esperanto

**Ĉapitro 2, Mi plenkreskiĝas, fariĝas laboristo kaj esperantisto** (3a ero)

Poste mi iris ferii en Parizo. Mi iris tien per vagonaro. La vagonaro nomiĝis la Nordekspresvagonaro, sed la tuta vojaĝo daŭris 25 horojn. La ekspresvagonaro haltis ĉe preskaŭ ĉiu stacidomo ekde Kopenhago tra Germanujo, Belgujo kaj Francujo. La fenestroj estis malfermitaj, ĉar estis somero, kaj la fumo de la lokomotivo nigrigis la vizaĝon de ĉiu pasaĝero. Vi povas imagi mian aspekton, kiam ni fine alvenis al "Gare du Nord" en Parizo. Mi loĝis ĉe esperantisto kaj lia familio tie, kaj li klarigis al mi, kion fari. Lia nomo estis Marc, liaj filoj nomiĝis Robert kaj Allain. Mi ne povas memori la nomon de lia afabla edzino. Estis por mi tre granda ĝojo vidi Parizon. Mi piediris al la unua etaĝo de la Ejfelturo. Mi ne havis sufiĉe da mono por la lifto !

Reveninte al Kopenhago, dek kvar tagojn poste, mi trovis ke du germanaj esperantistoj intertempo ekloĝis ĉe miaj gepatroj. Ili estis du junuloj, Wolfgang kaj Rolf, el Hanovro, granda urbo vestita en verdo, almenaŭ somere, kiuj feriis en Kopenhago.

Mi montris al ili kiel oni konstruas ŝipojn. Tio tre interesis Rolfon, kiu konstruis lokomotivojn en Hanovro. Káj ŝipoj káj lokomotivoj bezonis tre grandajn vaporkaldronojn, kaj Rolfo estis metilernanto de vaporkaldronoj.

Poste mi multajn fojojn vojaĝis bicikle kaj vagonare al Hanovro por viziti Rolfon kaj la tiean Esperanto-klubon.

Iun someron mi biciklis kun Rolfo al Frankfurto por preni parton en Germana Esperanto-Kongreso. Ni biciklis proksimume 100 kilometrojn ĉiutage, kaj dormis en tendo.

Iun matenon ni decidis lavi nin. Ankaŭ tion oni devas fari de tempo al tempo. Ni eniris Rejnon, la faman germanan riveregon. Fluas forte en Rejno, kaj ĉar mi ne sciis tion, mi baldaŭ troviĝis tre malproksime de Rolfo, kiu ne scipovis naĝi. Estis tre malfacile renaĝi al li kontraŭ la forta fluo.

Proksime al nia tendo estis bierfarejo. Ĉar mi ne tre bone parolis la germanan, fariĝis mia devo iri tien kaj peti bieron. Mi kunprenis du botelojn kaj eniris la bierfarejon modeste petante iom da akvo por mi kaj mia amiko germana. Kompreneble ni esperis ke oni donos al ni bieron, sed la pordisto diris, "*Ja, Wasser, aber Bier gibt's nicht*", t.e. "jes, akvon, sed nenian bieron. "Jes", mi respondis, "mi petas ja nur akvon !"

Ni alvenis al Frankfurto kaj ĝuis la kongreson. Unu el la multaj junuloj, kiujn ni renkontis estis la juna studento de la Frankfurta universitato, Reinhard Selten, tiu sama, kiu poste fariĝis nobelpremiito. Li multe helpis nin en Frankfurto. Mi vizitis ankaŭ lian fraton, la saksofoniston Frank Selten, kiu tiam ludis banĝon, kaj ilian patrinon en Aschaffenburg. Tre bonkoraj homoj kun interesa historio. Escepte de la patrino la tuta familio estas esperantistoj !

*Daŭrigota* *Bob Felby*





## La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.



Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 19an de Aŭgusto estas la tria sabato. . Venu. Lernantoj, vizitantoj ĉiam estas bonvenaj.



# SPECIALAJ PREDIKATIVOJ KAJ KVIZO.

## Specialaj Predikativoj.



La Akademio havas nun, eble pro mia daŭra proponado, "Lingvan Konsultejon", kies direktoro estas Samideano Aleksandro Shlafer, kaj kies tasko estas klarige respondi al demandoj pri la gramatiko de Esperanto. Tio estas duonvoje al la deziro mia, ke ekzistu tia komitato kiu tuj ĉe apero taksas kaj klarigas novajn uzojn gramatikajn kaj novajn vortojn (neologismojn). Por la lasta jam ekzistas grupo sub la gvido de Akademiano Renato Corsetti, kiu grupo serĉas Fundament'ecajn alternativojn por la multegaj novaj kaj malnovaj neologismoj. La "Lingva Konsultejo" ne mem serĉas malĝustajn uzojn, sed nur klere kaj klarige respondas al demandoj pri la gramatiko, kion teorie ĉiu tre sperta Esperantisto povus fari.

Mi ankoraŭ ne legis ĉiujn respondojn de tiu Konsultejo, nur la unuan kaj la dek lastajn. Ĉar ne estas unu persono, sed grupo da ili kiu decidas pri la respondoj, eraroj aŭ mankoj devas ne okazi. En la dek-unu de mi legitaj, unu klarigo estas centprocente malĝusta, kaj en alia mankas grava kromklarigo.

La unua (enkonduka) demando estis, kial "malsanulejo" kun '-ul-' kaj "malliberejo" sen '-ul-'. La respondo klarigis ke la kaŭzo simple estas ĉu la vorto faratis el adjektivo aŭ el substantivo. Tio ne veras, ĉar KAJ "liber-" KAJ "san-" estas baze adjektivoj. La ĝusta respondo estus: "La uzado de 'ul-' en unu kaj sen 'ul-' en alia estas nur kaprica, kaj havas nenian gramatikan tialon. Oni povas samrajte uzadi 'malsanejo' kaj 'malliberulejo'. La forlaso de 'ul-' baziĝas sur la Regulo pri Neceso kaj Sufiĉo".

La mankema respondo estis al la demando (2016-03-25) ĉu uzi adverbon aŭ ĉu uzi adjektivon en predikativo post subjekto/objekto en formo de suborda propozicio. La respondo (14-4-12) simple diris ke adverbon, pro zamenhofaj ekzemploj en la Fundamento. Mankis mencii ke Zamenhof kelkfoje uzis, kaj proponis, adjektivon anstataŭe, pro ebla miskompreno ĉe adverbo. La respondo devus esti la jena:

1). Oni ne rajtas ŝanĝi aŭ nenioigi Fundament'an regulon aŭ konsilon aŭ ekzemplon.

2). Se oni trovas iun Fundament'an regulon aŭ konsilon aŭ ekzemplon malĝusta, oni rajtas uzi Fundament'ecan alternativon, ekz. por "elrigardi" uzi "aspekti" kaj por "esti batata" uzi "batati."

3). La gramatika subjekto kaj la gramatika objekto havas substantivan funkcion en propozicio.

4). Ankaŭ se la subjekto aŭ la objekto estas infinitivo aŭ suborda propozicio, ankaŭ tiam la subjekto kaj la objekto havas la funkcion de substantivo.

5). La subjekta kaj la objekta predikativoj havas adjektivan aŭ substantivan funkcion. Uzi adverbon anstataŭ substantivo aŭ adjektivo estas kontraŭa al ĉi tiu regulo.

6). Se la subjekto aŭ objekto estas infinitivo aŭ suborda propozicio, ankaŭ tiam la predikativo havas la funkcion de adjektivo (aŭ de substantivo).

7). En ĉiuj kazoj la predikativo tial ne povas esti adverbo. Multaj eŭropaj lingvoj komprenas tion.

8). La fakto ke mallogike uzi adverbon en tiaj kazoj povas kaŭzi du kontraŭajn signifojn pruvas, ke uzi adverbon estas malĝusta. Dusenceco neniam okazas ĉe uzo de adjektivo.

9). La fakto ke Zamenhof konsilis uzi, ĉe dusenceco, adjektivon pruvas, ke la adverbo estas malĝusta.

10). La fakto ke Zamenhof uzis kelkfoje, pro neceso, adjektivon rajtigas nin ĉiam uzi adjektivon en predikativoj, se ni volas esti logikaj kaj gramatike ĝustaj, sen ŝanĝi la Fundamenton.

*Marcel Leereveld.*

## L i n g v a   K v i z o .

Antaŭ multaj jaroj mi disputis kun du famaj Akademianoj, Bertilo Wennergren kaj Donald Broadribb, pri la misuzo ante la Esperantan adjektivon “korekta”. Laŭ mi ĝi ne signifas la anglan “*correct*” kiu signifas en Esperanto “ĝusta” (kaj la angla “*just*” signifas “ĵus” aŭ “justa”, “morale aŭ leĝe ĝusta”). Uzi la adjektivon “korekta” (aŭ la adverbon “korekte”) por “ĝusta” (-e) estas eraro. Mi montris tion al ili, per pruvoj, sed ili ne volis samopinii kun mi, verŝajne ne komprenante la aferon aŭ ne kuraĝante proponi ŝanĝon. Per deduktoj aŭ konkludoj ili penis pruvi ke ili pravis. Mi montris ke iliaj deduktoj estas eraraj, falsaj, kaj post tio ili ĉesis la diskuton sed tamen daŭrigis uzi “korekta” en la malĝusta senco. Mia nerefutita pruvo ke iliaj deduktoj estis falsaj signifis ke mia opinio pravis. La nuna kvizo por la legantoj de A.E. estas trovi kie kaj kial iliaj konkludoj eraris. Jen la dedukto de Wennergren: < korekti = senerarigi, do korekta = senerara >. Kaj jen la dedukto de Broadribb:

< Ĉar “falsa” prezentas la veron mensoge, do “korekta” prezentas la veron ĝuste. >

(En via respondo demandu vin kiel homo faras iun diraĵon falsa/korekta). Bonvolu indiki kial la du Esperantologoj malĝuste konkludis, kaj ke do la angla adjektivo “*correct*” devas en Esperanto esti la vorto “ĝusta”, kaj ne “korekta”. Sendu vian solvon de la kvizo al A.E.

*Marcel Leereveld.*



# Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 13a de Aŭgusto dek homoj (inkluzive de unu komencanto kaj du gastoj de Adelajdo kaj Torquay) kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni babilis kaj iom reklamis al du kelnerinoj kiuj interesiĝis pri la lingvo.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 14a de Aŭgusto sep homoj kunvenis ĉe Ross House (inkluzive de unu komencanto kaj unu gasto el Adelajdo). Ni babilis, aŭdis novaĵon de la adelajda movado, instruis la komencanton kaj lernis de li iom pri la persa lingvo.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

| | |
|---|---|
| Dimanĉon la 20a de Aŭgusto je 15:00 | Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square |
| Lundon la 21a de Aŭgusto je 18:30 | Lunda kunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane |
| Sabaton la 26a de Aŭgusto je 19:00 | Ludvespero, ĉe Alchemists Refuge, 328 Little Lonsdale Street |

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 883  Instagram – 81
Facebook – 299  Telegram – 18
Twitter – 288

*Joanne Johns*



**Esperanto Fariĝis 130 jaraĝa je la 26-a de Julio 2017**



## El Adelajdo



La ĉefparolanto de la aŭgusta kluba kunveno en Adelajdo estis Michael Carney. Li prezentis al la ĉeestantoj sian kolekton de moneroj kaj monbiletoj.

Esperantisto Paul Desailly estas konata ankaŭ kiel fervora bahaano. En sia libera tempo li du tagojn semajne volontulas en la bele renovigita Bahaa centro en Brighton (Adelajdo). Tie vizitis lin Trevor kaj Katja Steele.

Informis *Katja Steele*

